5-a jaro. — N-ro 7 (55). Majo 1913.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto :
Oscar VAN SCHOOR

Administracia parto :
Frans SCHOOFS






*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16*

BELGA ESPERANTISTO
Vondelstraat, 20, Antverpeno (Belgujo).
— 1913 —

5-a JARO. MAJO 1913. 7a NUMERO (55)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Va Belga Kongreso de Esperanto

### Sub la alta patroneco de la Urbestro

*Estimata Samidean (in) o,*

Ni havas la honoron rememorigi al vi ke la Va Belga Esperantista Kongreso okazos en Spa, le 11/12an de Majo 1913 (Pentekosto).

Ni permesas al ni afable peti vin ke vi bonvolu fari propagandon en via grupo por ke viaj gegrupanoj multnombre ĉeestu nian kvinan nacian Kongreson.

Ni esperas ke niaj gesamideanoj kiuj jam ĉeestis la aliajn Kongresojn ankaŭ partoprenos en la nia : ili certe ankoraŭ memoras kun kia ĝojo oni revidas siajn esperanti tajn geamikojn, kaj la plezuron kun kiu oni interkonatiĝas kun novaj samcelanoj.

Ankaŭ al tiuj kiuj ĝis nun partoprenis nenian Kongreson ni diras : «Venu al Spa» ni preparas al ĉiuj tutkoran akcepton kaj agrablan restadon.

Ni aranĝas grandan Esperantan feston, kiu konsistos el kant-kaj dramparto ; en la programo oni vidas :

1e « Sro HERKULES» unuakta komedio tradukita de S-roj Arntz kaj M. Butin el Godesberg.

2o «L'HÉRITAGE KLODAREC» komedio de J. du Mesnil.

3e « DEVO DE REĜO » unuakto tezo esperantigita du S-ro Van der Biest-Andelhof.

Ni estas dankemaj, se kelkaj gesamideanoj bonvolus helpi nin por la kantparto.

Por pli faciligi al ni la diversaranĝojn de l' Kongreso, ni insiste petas ĉiujn niajn gesamideanojn, kiuj intencas ĝin partopreni, ke ili bonvolu, senprokraste sendi sian aliĝon al nia sekretario, kune kun la mono por la diversaj fakoj de l'kongreso ; Kongreskarto, festeno, ĉambroj kaj rezervita seĝo en la teatro.

POR LA ORGANIZA KOMITATO,

La Sekretario,
Jean DESONAY.
3, Place Verte, Spa.

La Prezidento,
G. BORKMANS.

---

## Programo de la Va Belga Esperantista Kongreso

UNUA TAGO - DIMANĈO, 11a de MAJO

10 1/4 H. Kunveno de la gekongresanoj en la akceptejo apud la Stacidomo.
10 1/2 H. Oficiala akcepto en la urbdomo.

11 H. Ĝenerala kunveno de « Belga Ligo Esperantista » en la Pavillon des Petits Jeux.

12 1/2 H. Fotografado de la gekongresanoj en la ĝardeno de la Kursaal.

1 H. Festmanĝo.

3 H. Vizitado de la urbo.

8 H. (Tre akurate) Granda Kant-kaj-Drama Esperanta Festo en la teatro de la Kazino.

DUA TAGO — LUNDO 12a de MAJO.

9 H. Kunveno de la gekongresanoj en la Galerio Léopold II.

9 1/2 H. Granda ekskurso piede en la pentrindaj ĉirkaŭaĵoj de Spa.

1 H. Kampara manĝeto dum la promenado apud la lago de Warfaaz.

La kosto de la kongreskarto estas unu frankon. Tiu karto rajtigas partopreni senpage la vesperfeston, la viziton de la urbo : bandomo, Kurzalo, Kazino, k. t. p..., La festeno, KUN DUONBOTELO DA VINO, kostos Frjn. 3.50.

Rezervita seĝo en la teatro kostas fr. 0.30.

LOĜADO : Komfortaj ĉambroj kun matenmanĝo po : Frj : 2.50 ; 3.00 ; 3.50 ; 4.00 kaj 5.00.

---

# Ido kaj la " Anglo-American Institute "

*Kara Redaktoro,*

La areto da Idistoj en Bruselo kaj Antverpeno brue fanfaronis pri la patroneco de la suprenomita Instituto, kaj pri la fakto ke la «*Pedagogic Journal*» dediĉis kelkajn paĝojn al kurso de la Ida lingvo.

Efektive, en du sekvantaj *N-oj* de la *P. J.*, aperis la komenco de tiu kurso. Dezirante scii kial, je la 3a monato, tiuj kursoj subite ĉesis, mia amiko, la Vic-Prezidanto de la Portsmoutha Grupo, skribis al la Direktoro de la *A.A.I.* en Bruselo. La respondo angle skribita estas tro longa por ke mi ĝin tute traduku Esperanten por nia B. E. ; mi sendas tamen la leteron al vi, kiu tiel bone komprenas la anglan lingvon.

Mi ne povas tamen senigi viajn legantojn je kelkaj frazoj, kiujn mi tradukas *laŭvorte*, ĉar tiel bone priskribas la malestimon, kiun intimaj rilatoj kun Idistoj kaj ilia lingvaĉo ĉiam fine naskas ĉe seriozaj personoj. Jen la unua frazo kiu, ni konfesas, ne flatas Esperanton, sed, ĉar la skribanto rifuzis ekzameni la nunan staton de nia lingvo, tio ne estas grava.

« *Bruxelles, 1 Marto 1913.*

« *Kara Sinjo, Respondante al via letero de la 26a Feb° ni sciigas al vi ke,* » *efektive, ni jam eltrovis ke Ido tute ne povas, iamaniere, utili al iu viro,* » *virino aŭ infano, sed ni ankaŭ opinias ke Esperanto estas nur ludilo de kelkaj* » *fantaziuloj* (*hobby of a few cranks*). *Ni estas reeldonantoj nian jurnalon, kaj ni* » *povas ja certigi al vi, ke ni, ne nur rifuzos eldoni la sekvantajn lecionojn al* » *ni senditajn, sed ke ni eĉ ne volas ripeti la du jam eldonitajn de ni.* » La Direktoro aldonis ke, kiam li konsentis komenci kurson pri Ido « *ni nur volis fari* **provon**, *kaj la rezulto estis tre malbona, ĉar eĉ neniu viva kreitulo iamaniere sin interesis pri ĝi* » (« *not a living creature took the slighest interest in it* ».)

Nun, jen la demando : ĉu la Idistoj, kiuj tiel fanfaronis pri la patroneco de la *A. A. I.*, kiun ili anoncis sur la muroj de Bruselo per grandegaj, multkoloraj afiŝoj, havos la honestecon publike konfesi la veran staton de la afero ? Se jes, ili ricevos mian estimon. Se ne, ni nur diros ke ili fidele sekvas la ekzemplon de la origina «*Ido*». Ni prezentas nian simpation al la trompita *A. A. I.*, kaj ni esprimas la esperon ke ili estu la lastaj viktimoj de tiu malbona « Blufo ».

Kore via. U. E. A. Ano.




## 6a CIRKULERO

Ni petas ĉiujn esperantistajn revuojn, ke ili bonvolu represi ĉu tute, ĉu resume la ĉirkulerojn de la organiza komitato de la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso.

La organiza komitato ageme sin okupas pri la kunmetado de la honora komitato : D-ro L. L. Zamenhof ; S-ro de Kerkhove-d'Exaerde, provincestro ; S-ro Braun, urbestro ; S-ro Generalo Hyp. Sébert ; S-ro H. Boddaert, advokato, ĝenerala-sekretario de la Ekspozicio ; S-ro A. J. Witteryck, prezidanto de la Belga Ligo Esperantista ; S-ro Abato Aust. Richardson kaj S-ro L. Delvaux, vic-prezidantoj de la B. L. E. ; S-roj L. Champy kaj S-ro F. Matthieu, komitatanoj de la B. L. E. ; S-ro Osc. Van Schoor, redakciestro de « Belga Esperantisto », akceptis titolojn de honorkomitatano.

La urbestraro konsentis monhelpon kaj permesas al la gekongresanoj la senpagan eniron dum la tuta daŭro de la kongreso, en la muzeoj kaj la diversaj vidindajoj de la urbo. Ĝi pruntedonis aron da belaj kliŝoj al la organiza komitato por la kongreslibro. La organiza komitato de la Universala Ekspozicio ankaŭ pruntedonis al la organiza komitato de la kongreso multajn belegajn kliŝojn.

**Literatura kaj desegnaĵa konkurso.** — Pri la literatura kaj desegnaja konkurso ni rememorigas, ke ĉiuj aliĝintaj esperantistoj povas partopreni en la konkurson La manuskriptoj kaj desegnajoj devas esti alvenintaj antaŭ la 15a de julio 1913 ; ĉe S-ro Sebruyns, Gentschestraat, 34, St Amandsberg (Gent) ; ili ne povas esti subskribitaj de la aŭtoro, kaj devas porti devizon, ripetitan sur fermita koverto enhavanta la nomon de la verkinto (escepte por la kategorio **C**).

*Varma alvoko estas farata al ĉiuj esperantistaj eldonistoj; administracioj de esperantistaj revuoj, esperantistaj organismoj, aŭtoroj kaj ĉiuj bonvolemaj samideanoj, por ke ili aljuĝu, kiel eble plej baldaŭ, premiojn kaj difinu temojn :*

Por la organizo de fakaj kunsidoj oni estas petata sin turni al la sekretario de la Int. Esp. Semajno-Kongreso, St Lievenslaan, 60, Gent, kiu skribigos ilin sur la ĝeneralan programon de la kongreso; La organiza komitato, disponas ĉiun tagon de la 14a ĝis la 20a pri unu salono.

Dum la kongreso okazos ĝenerala kunveno de la belgaj membroj de U. E. A.

## PROVIZORA PROGRAMO

Ci-sube ni publikigas provizoran festprogramon.

*Ĵaŭdon la 14an :*

1. Malfermo de la Akceptejo.
2. Malfermo de la kongreso, en la Palaco de festoj en la Ekspozicio.
3. Akcepto de la kongresanoj en la urbestrarejo.

*Vendredon la 15an :*

1. Akcepto de la kongresanoj de la organiza komitato de la Ekspozicio.
2. Teatra reprezentado en la festpalaco de la Ekspozicio.

*Sabaton la 16an :*

1. Festmanĝo.
2. Koncerto en la Rathskeller.

*Dimanĉon la 17an :*

Teatra reprezentado.

*Lundon la 18an :*

1. Fermkunsido de la kongreso.
2. Internacia Balo.

*Mardon la 19an :*

Festa disdono de la premioj al la gajnantoj de la konkurso.

*Merkredon la 20an :*

Diversaj koncertoj.

Ĉiuvespere okazos amikaj kunvenoj, ĉu en la malnova Flandro, ĉu en aliaj partoj de la Ekspozicio.

**Reklamo en la Kongreslibro.** — La Kongreslibro havas la formaton 19×14.

Prezoj :

1 paĝo, Sm. 12.— (fr. 30.—) ; 1/2 paĝo, Sm. 7.— (fr. 17.20) ; 1/4 paĝo, Sm. 4.— (fr. 10.—) ; 1/8 paĝo, Sm. 2.500 (fr. 6.25). Oni bonvolu sin turni al la sekretario de la organiza komitato, St Lievenslaan, 60, Gent.

La Organiza Komitato.

# Kelkaj vortoj pri Ferbetono

*Parolado, en iom ŝanĝita formo, farita la 10an de Aprilo en la grupo Suda Lumo.*

Ĉiuj, kiuj iomete interesiĝas pri la progresoj de l'homaro rimarkis jam, promenante tra la stratoj de niaj grandaj urboj, kaj rigardante la konstruadon de ia granda fabrikejo, industriejo, komerca firmdomo, banko, lernejo aŭ ĉe simpla privata domo, la laŭŝajne strangan kunmetadon de fero kaj cimento.

Eble ili sin demandis klarigojn pri tiu konstrumaniero, ne trovante respondon kontentigan. Lasttempe oni multe konstruas per ferbetono, sed ankoraŭ pli multe oni pri ĝi parolas tute ne precize sciante cion pri ĝi.

Estas mia celo klarigi al la sciemuloj el kio konsistas la ferbetono, aŭ fortigita cimentaĵo, kaj kie oni ĝin precipe uzas.

Betono estas intima miksaĵo de cimento, sablo, gruzo aŭ ŝtonpecoj, kiu, per la aldono de difinita kvanto da akvo, ŝtoniĝas. La cimento estas la aktiva materialo, tiu kiu ŝtonigas la betonon kaj por ĉi tiu celo oni nur uzas la tiel nomitan Portlandcimenton.

Por utiligi tiun miksaĵon en ia konstruaĵo en formo de planko, trabo aŭ kolono, estas necesa ke oni ĝin fortigu per feraj stangoj, kiujn la kalkulo kaj la eksperimento difinas. La utiligado de betono fariĝas laŭ diversaj sistemoj, sed la plimulte uzata labormaniero estas jena : Unue oni ĉarpentas la lignajn muldilojn aŭ modelilojn (fl. model, bekisting, fr. coffrages) de, ekzemple, tuta etaĝo ; due oni metas en ilin la difinitajn ferajn stangojn, precize en la lokoj kie ili devas fortigi la betonon kaj poste oni plenverŝas la muldilojn per la suprenomita miksaĵo. Por fini, la betono estas frapita per feraj stangoj kun iom pli larĝa ekstremaĵo, por ke ne restu, interne nek ekstere, malgrandaj truoj, ĉar la tuto devas formi unuŝtonan korpon. Post kelkaj semajnoj (tri aŭ kvar), la betono estas tiel ŝtoniĝinta ke oni povas depreni la lignajn ĉarpentaĵojn.

Estis en la jaro 1866, ke la franca ĝardenisto Jozefo Monier uzis la betonon tielmaniere fortigitan por fari grandajn florotojn, kiuj estis pli daŭremaj ol la lignaj kaj pli facile manumeblaj ol la cimentaj, pro ilia maldikeco. Tamen jam antaŭ tiu tempo (ĉirkaŭ la jaro 1850), la grandaj profitoj de la kombinado de fero kaj cimento estis konataj. Poste Monier konstruis plankojn kaj grandajn akvujojn. Iom post iom la uzo de ferbetono disvastiĝis en ĉiuj landoj, eĉ en tiaj mezuroj ke oni ĝin nomas la konstrumanieron de l'estonteco.

Ke, en diversaj landoj, oni longtempe timis la uzon de ferbetono, estas pro tio ke la komencantoj, Monier kaj liaj samtempuloj konstruis tute laŭ alia sento, sin apoginte sur la eksperimento de nur malmultaj jaroj. Tio estas la kaŭzo de multaj bedaŭrindaj akcidentoj.

Pri serioza aplikado oni nur povas paroli post kiam per sufiĉe da eksperimentoj oni ekkonis la ecojn de la du kombinitaj materialoj kaj post kiam oni per tiu scio povis dedukti manieron de kalkulado kiu plene garantias la certecon je akcidentoj.

Kiam oni komparas konstruajojn el ferbetono kun la konataj el ligno, ŝtono aŭ fero, tiam oni rimarkas unue, (observante samtempe la malgrandajn dimensiojn) ke la unuenomitaj havas grandan fortecon, rezistopovon. Tio sekvas el la fakto ke la du materialoj povas esti uzataj tiel eble plej ekonomie.

Due : ferbetono kontraŭstaras altan varmegon kaj absolute garantias je fajro. Betono estas tre malbona varmokondukanto. Eksperimentoj elpruvis ke kiam feraj traboj tordiĝis, tiam la tuta fera konstruaĵo detruiĝis, la fortigita cimentaĵo,male, restis nedifektita. Tio signifas ke ĝi estas la materialo ideala por konstruaĵoj kie povas troviĝi granda homamaso, kiel en teatroj, urbestrarejoj, juĝejoj, malliberejoj, magazenoj, hospitaloj, kunvenejoj ; aŭ kie oni konservas artaĵojn aŭ valorajn objektojn, kiel en muzeoj, juvelejoj, monŝrankoj ; ĝenerale tie kie certeco kontraŭ fajro estas postulata, kiel por ŝtuparoj, arkaĵoj, arĥivejoj, k. t. p.

Trie, dum la feraj kaj lignaj konstruajoj multe kostas ĉiujare por la bontenado, ĉe ferbetonaj tio tute nenion kostas. Tio signifas : ŝparado de mono.

Kvare,betono estas multvalora tie kie la konstrupartoj devas rezisti je skuadoj kaj tremadoj. Ne nur la longtempaj eksperimentoj sur pontoj, surveturitaj de pezaj lokomotivoj, efektive tion pruvis,sed ankaŭ la malfeliĉa tertremo de San Francisko,en la jaro 1906, montris ke la ferbetono rezistis tie, kie ligno, ŝtono kaj fero estis detruitaj ĝisfundamente.

Kvine, la cimentaĵo aligas sin je ĉiu ebla formo. Ĝuste pro tio ke en la lastaj jaroj la celado al higienaj plibonigoj estas unu el niaj ĉefaj progresoj, la ferbetono rajtas nian tutspecialan atenton. Anguloj, kiuj ĉiam estas lokoj plenpulvaj, povas esti evitataj. Neniaj bakterioj kaj bestetaroj, neniaj ĝermoj de malsanoj en muroj kaj plankoj, ĉar betono povas esti glatigita kaj ne estas atakebla de insektoj.

La kontraŭstaroj kontraŭ la ferbetono estis precipe de l' flanko de la arĥitektoj kiuj timis ke tiu griza morta materialo ne povus servi por belaj artformoj kaj por la aplikado de ornamaĵoj.

Nenio montriĝis esti pli nevera, ĉar se oni volas ekkonatiĝi kun tio, kion oni faris ĝis nun en tiu direkto, oni devas opinii tute kontraŭe. Belegaj ŝtuparhaloj kaj grandaj preĝejoj lasttempe konstruitaj en Germanujo montras ke el ferbetono ĉio estas farebla.

Sed el kio do konsistas la ekonomia plibonesto de fortigita cimentaĵo super ŝtono aŭ fero ? Ho, mi scias, mia scivolema leganto, kion vi volas pliklare travidi. Estas la interna principo de ferbetonaj konstruaĵoj, ĉu ne ? Sed por tio estas necesa ke vi atentu ankoraŭ kelkajn momentojn. Ĉi tie, nature, oni ne povas pritrakti la teorion de ferbetonaj kalkuladoj sed tamen la grandan

linion de l' fortiga principo mi povus klarigi, ĉar ĝi estas tiel simpla en si mem ke eĉ iu, kiu neniam aŭdis pri konstruado, povas ĝin facile kompreni.

Neniu bezonas longajn klarigojn por ekkompreni ke en iu ajn konstruparto kiu devas kontraŭstari fortojn sur ĝi laborantajn, devas naskiĝi diversaj penoj. La konstruparto, ekz. trabo, penas kontraŭstari la fortojn kiuj agas sur ĝi. Tiuj penoj naskiĝintaj en la trabo estas diversspecaj: streĉigantaj kaj kunpremantaj. Sub la influo de l'surŝarĝo sur la trabo ĝi kurbiĝas; la meza parto troviĝas iom malsupre de la ekstremajoj. Tion ni povas konstati ĉe malnovaj lignaj plankoj kiuj pro la eluzado ne plu plene rezistis. Ili kurbiĝis. El tio ni povas konkludi ke la malsupraj partoj de la trabo iĝis pli longaj, ili streĉiĝis kaj la supraj iĝis, kontraŭe, pli mallongaj, ili kunpremiĝis. Nu, la betono bone kontraŭstaras la kunpremantajn fortojn en ĝi laborantajn sed ne la streĉantajn. Por eviti do ke nia betona trabo rompiĝu, estas necesa ke ĝuste en tiu loko, kie manifestiĝas tiaj streĉantaj fortoj, ni fortigu nian trabon per fero. Jen la tuta principo! En tio, kuŝas la granda ekonomio de l'uzado de ferbetono, ĉar la du materialoj estas aplikataj nur tie, kie ili estas plej utilaj.

Karaj legantoj, post tio vi komprenas ke la ferbetono kaŭzos grandan revolucion de l' konstruado. Ĝi estos la konstrumaniero de nia jarcento kaj kun ĝi la homaro faris novan paŝon antaŭen.

JOS. DERKX
Antwerpen.

---

## La Ĵurnalisto

En la monata revuo «Der Strom», la organo de la Wiener freie Volksbühne, ni legas la sekvantan belan rakonton de Eŭgeno Heltai:

La granda, lerta, rimarkinda kaj influa jurnalisto estis mortinta. La anĝeloj tuj prenis lian animon sur siaj flugiloj kaj la eminenta homo rapide alvenis ĉe la pordo de la ĉielo. Li volis eniri, sed Sankta Petro al li baris la vojon. «Kia estas via profesio?» li demandis kun militista severeco. — Ĵurnalisto! — «Ĉiuj lokoj okupataj.» diris Petro per mallonga silabo kaj fermegis la pordon.

Ĉu vi eble volas iri al la infero? inspiris anĝelo bonfareme. — Al mi estas tute egala» diris la jurnalisto kaj malsupreniris al la infero. — «Ĵurnalisto!» diris la infergardisto, kun timo. «Nenia loko!» Kaj li ankaŭ fermegis la pordon.

La jurnalisto ne malesperis. Li rifuĝis sur neloĝatan stelon kaj tie fundis jurnalon. Unu semajnon poste ne nur la infero sed ankaŭ la ĉielo malfermis sian pordon por li.
A. C.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto «, 20, Vondelstraat (Rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**CHARLEROI.** — La urba konsilantaro daŭrigas malavare subteni nian entreprenon. Kiel la pasintan jaron, ĝi voĉdonis por nia grupo monhelpon da ducent frankoj. Tiu sumo, dividita en ok premiojn de 25 fr., estas disdonota, post ekzameno, al la plej diligentaj kaj lertaj inter la nove aliĝintaj grupanoj, kun la ĉefa intenco ebligi ilin ĉeesti la nacian kongreson de Spa.

Kelkaj ĉirkaŭkuŝantoj komunumoj sekvas la ŝatindan ekzemplon de Charleroi. Marchienne donas 40 frankojn, kaj Montigny s/ Sambre 20.

S-ro Henraut, kiu, tiel lerte kaj sindoneme, faras ĉe ni la merkredan praktikan, perfektigan kurson, starigis en *Lodelinsart* novan grupon, al kiu ni deziras multe da sukceso. Tiu juna grupo petos sian aliĝon al la Belga Ligo.

Okaze de nia lasta ĝenerala kunveno, la sekretario legis raporton pri la multnombraj okazintajoj kaj la nelaciganta agado de nia grupo. La kasisto konstatigis financan situacion tre kontentigan. S-ro Wagner kaj S-ro Counson estas unuvoĉe reelektitaj kiel sekretario kaj kasisto. S-ino D. Hallet bonvolis akcepti la oficon de bibliotekistino, anstataŭ S-ro Dusurgey, komisario, kiu pro personaj kaŭzoj ekziĝis kiel bibliotekisto.

La unuan jaŭdon de ĉiu monato ni faras specialan perfektigantan kurson, organizatan por la novaj lernantoj kiuj ne povas ĉeesti la ĉiusemajnajn kunsidojn.

**BRUSELO.** — En la ĉefurbo kaj ĉirkaŭaĵo oni starigis tri novajn kursojn. 1.) Kurso por junuloj, en la Komunuma Lernejo nº 9 de Anderlecht, rue des Goujons, 82. Dudekkvar junuloj de 10-14 jaroj partoprenas tiun kurson, ĉiujaŭde de la 14a ĝis la 15a. 2.) Kurso por plenkreskuloj, ĉe la Université Populaire de Cureghem-Anderlecht, en la Komunuma Lernejo nº 5, rue Gorez, 19. Dudeksep lernantoj [sekvas la lecionojn, ĉiujn merkredojn kaj vendredojn, de la 20a ĝis la 22a. 3.) Kurso por plenkreskuloj, ĉe la Association des anciens élèves de l'Ecole Industrielle de Bruxelles, Boulevard du Hainaut, 23. Dekkvar anoj sekvas tiun kurson, ĉiumarde de la 20a ĝis la 22a.

— Ĉiudimanĉe, de la 19a ĝis la 22a, multnombraj esperantistoj kunvenas en la vintrinkejo de S-ro Carbonelle, Boulevard du Hainaut, 21. Oni rajtas paroli nur Esperante, se ne oni devas pagi monpunon. La mono tiel kolektita estas uzata por pligrandigi la bibliotekon.

E. J. Haine, Delegito U. E. A.

**ANTWERPEN Suda Lumo.** — Tiu grupo invitas ĉiujn gesamideanoj kun iliaj familianoj kaj geamikoj partopreni kiel eble plej multnombre en la vizito al la Muzeo Plantijn (malnova presejo), kiun ĝi organizos dimanĉon, la 18an de Majo je la 2a posttagmeze tre akurate. La klarigoj estos farataj en Esperanto de S-ro J. Jacobs. Oni kunvenos antaŭ la muzeo, Vendredoplaco, Antwerpen.

Neniu preterlasu tiun maloftan okazon por konatiĝi kun la arttrezoroj de tiu belege konservata, mondfama presejo kaj por pasigi agrablan posttagmezon inter gesamideanoj !

# GRATULOJ

Ni prezentas niajn sincerajn kaj tutkorajn gratulojn al niaj gesamideanoj **D-ro W. Van der Biest**, kiu ricevis la ordensignon de *Kavaliro kun krono de la Civitana Merito de Bulgarujo* kaj al **S-ino W. Van der Biest**, kiu ricevis la arĝentan medalon de la sama ordeno pro iliaj servoj faritaj al la afero homaramo kaj homfratiĝa dum la Balkanŝtataro milita.

Ni prezentas niajn korajn gratulojn al nia Samideanino F-ino Jeanne Schoofs el Antwerpen, kiu, la 28an de Aprilo, edziniĝis kun la famkonata pentristo Leon Brunin.

## Al atento de esperantaj eldonontoj !

*Moskva Libreja «Esperanto»*, 3, Lubjanskij proezd, Moskvo, Ruslando (la malnova adreso : 26, Tverskaja) por posedi provizon de ĉiuj esperantaj libroj, proponas al esperantaj eldonontoj sendi al ĝi, ne atendante specialan mendon, 10 ekzemplerojn de ĉiu nova libro, akompanante la sendaĵon per fakturo, kie oni devas noti : kvanton, nominalan prezon, rabaton kaj pagotan sumon. La rabato devas esti tia, ke la librejo mem povu fari rabaton ne malplian, ol 20 °|o an. Tuj post ricevo de la libroj, la librejo pagos la monon per poŝtmandato aŭ per bankĉeko.

*Ĉiuj gazetoj estas petataj represi.*

## AVIZO DE BELGA ESPERANTISTO

### *Konkurso Conscience*

La sekvantaj gesamideanoj kiuj ĝis nun ne ricevis siajn premiojn pro la partopreno en la konkurso Conscience, povas ricevi ilin ĉe la adreso de Belga Esperantisto, ĉiujn tagojn de la monato Majo.

S-ro Policano.
S-ro J. Jacobs, Contich.
S-ro Otto Wilcke.
F-ino M, Klingelhoets.
F-ino Van Olmen.
S-ro Swalf.

# PULĈINELO

Tre komikan Pulĉinelon mi konas. Ĉe la unua ekvido, ĉiuj surprize ekkriegas pro amuziĝo. Ĉiu movo de tiu komika estaĵo ridigas la tutan ĉeestantaron. Tamen nenian ridindaĵon li faras propramove ; ĉio, ĉe li, estas nature komika. Jam en lia infaneco, kiam li ĉirkaŭsaltadis kun aliaj knaboj, li estis «Pulĉinelo», ĉar la naturo metis al li pulĉinelan ĝibon sur la dorso kaj sur la brusto.

Sed profunde sentema li estis, sagaca, pensema. Por li, la teatro estis ideala mondo. En lia animo loĝadis ĉiu nobla, heroa sento : li estus fariĝinta tragediisto, se al li la naturo estus doninta korpon belforman ; sed, ho ve ! li estis nur pulĉinelo !

Kiam doloro kaj melankolio sulkigadis kaj mallumigis lian grimacan,angulan vizaĝon,tiam la popolamaso ridegis kaj aplaŭdis.

La ĉarma Kolombino ĉiam estis ĝentila kaj afabla al li, sed ŝi deziris prefere edziniĝi je Arlekeno. Estus vere tro ridinde, se la beleco interligiĝus kun la malbeleco !

En la tagoj, kiam Pulĉinelo tre malgajiĝis ; nur Kolombino povis ellogi el lia vundita animo ian rideton, ja eĉ ekridon ; unue ŝi ploris kun li ; poste ŝi kvietiĝis kaj fine iĝis gaja : « Mi bone scias pro kio vi suferas ? Ĝi estas pro amo ? « Tiam li ekridis : Mi kaj Amo ?... tio estus ridinda ! Kiom la publiko aplaŭdus ! » « Ho, certe, la amo suferigas vin ! » daŭrigis Kolombino, kaj ŝi aldonis en komika maniero : « Min, min vi amas ! »...

Tiajn vortojn oni facile diras, kiam la afero tute ne estas verŝajna.Tial,Pulĉinelo, ridante, alten eksaltegis...la melankolion li forgesis.

Tamen Kolombino diris la veron. Li amis ŝin. Li amis ŝin tiel fervore, kiel li amis la noblon kaj la grandon en la arto.

Ĉe ŝia edziniĝa tago, li aspektis plej amuzige. Dum la nokto, li ploris, kaj se tiam la publiko estus vidinta liajn dolore kuntiritajn trajtojn, ĝi certe estus aplaŭdinta.

Post nelonge, Kolombino mortis.

Ĉe l' tago de l' enterigo, oni ne postulis de Arlekeno, ke li sin montru sur la scenejo. Li ja estis la funebranta vidvo. Sed, ĉar oni devis forgesi la forestadon de la ĉarma Kolombino kaj de la plaĉa, juna Arlekeno, la Direktoro preparis speciale amuzan prezentadon. Pulĉinelo duobligis siajn klopodojn. Korpremita, malespera, la ĝibuleto dancadis, saltadis pli strange ol iam : oni aplaŭdis, oni freneze ekkriis pro amuzo. Ho, neniam li montris sin tiel mirinde komika.

Sed, hieraŭ, nokte, la mizera estaĵo ŝtelglitis el la urbo, ĝis la dezerta tombejo. Jam velkita estis la florgirlando sur la tombo de Kolombino. Tie li eksidis. Stranga bildo ! Apogante la kapon sur la manojn, li suprenrigardis, kaj la lunbrilo lumigis lin. Kurioza, komika monumento : Pulĉinelo sur tomba ! Se la publiko vidus tia sian multŝatatan amuzilon, certe denove leviĝus la ekkrio :

» Brave ! brave, Pulĉinelo ! Bravege ! »

———

(El Andersen's Bilderbuch ohne Bilder).

Esperantigis «RAMO», Tradukistino de «Fabiola» k. t. p.

## EL LA VERKARO DE H. CONSCIENCE

# La Skeldo antaŭ Antwerpen en la XVI-a jarcento.

Je tiu tago la Skeldo prezentis antaŭ Antverpeno impresan scenon. El la multnombraj ŝipoj, per la orienta vento dum tri semajnoj retenitaj sur la Norda maro, kelkaj jam estis proksimiĝintaj ĝis antaŭ la urbo ; kelkaj aliaj montris siajn malfalditajn velojn malantaŭ la angulo de la Flandra digo, dum marflanke en la ne bula malproksimeco, ŝajnis eliri el la akvo centoj da mastoj, kvazaŭ por antaŭsciigi la venadon de tuta ŝiparo.

La maristoj de la alvenintaj ŝipoj laboris per grandega streĉado de fortoj por levi la ankrojn kaj tiri siajn ŝipojn pli proksimen al la urbo kaj por atingi favoran lokon ĉe la kajoj. Inter ĉiuj estis batalo, tiel varmega kaj samtempe tiel potenca, ke la mallerta korpo de la peze ŝarĝitaj marŝipoj ŝajnis tremi pro la potenco de la streĉitaj kabloj. De ĉiu ŝipo kanto supreniris ĉielen, kruda kaj malmola kiel la krakanta frapado de levila rado, sed gaja kaj kuraĝiga kiel la triumfkriado de venkanta armeo. Ĉi tiuj kantoj, en ĉiuj lingvoj de la komercantaj nacioj, venantaj el la ege arkitaj brustoj de la maristoj, flugis kiel potenca ĝojado super la urbo kaj la riverego.

Nur la voĉo de la ŝipestroj, sonanta el la paroltuboj, kapablis penetri la konfuzon de intermiksitaj sonoj ; kaj tiam, kiam Portugala galiono. veninta el otienta Hindujo, montris sin antaŭ la urbo, la krakego de pafilega saluto tondre superis ĉiujn aliajn bruadojn...

La suno, plena de belegeco donacis sian lumon al tiu ĉi svarma sceno de la homa laboremo kaj per siaj koloraj radioj ĝi karesis la malglatan suprajon de la larĝa riverego.

Centoj da flagoj kaj banderolojde ĉiuspecaj koloroj kaj formoj flirtadis en la aero ; aro de boatoj kaj ŝalupoj ; el ĉiuj anguloj, de ĉiuj ŝipoj, de ĉiuj kajoj sonoris ĉielen gaja vokado, miksita inter la sonoj de la laborkanto. Eĉ la transrejnlandaj veturigistoj kiuj apud siaj grandegaj Hessujaj veturiloj are staris ĉe la Burcht'a tombejo, por ŝarĝi spicojn por Kolno, ne povis kontraŭstari la influon de la bela majvetero kaj la ĝeneralan entuziasmon; ili kuniĝis ĉe la Werf-pordego kaj komencis per sia Germana lingvo kantadon, tiel harmonian, tiel agrablan kaj tamen tiel viran ke ĝi mirigis la apude starantajn laboristojn kaj superis ĉiun bruon ĉie, kien venis ĝiaj sonoj.

Je tiu ĉi momento luksa veturilo traveturis la Werf-pordegon kaj haltis en la proksimeco de la Germanaj veturigistoj, precize

kiam la lasta somo de ilia kanto miksiĝis en la laborkanto de la ŝipanoj.

Junulo kaj post li maljuna sinjoro kaj riĉe vestita fraŭlino elpaŝis el la veturilo.

Ĉiuj ĉirkaustarantoj, ĉu komercistoj, ĉu laboristoj, respekte iris flanken kaj profunde salutante, ili elparolis la nomon de sinjoro Van de Werve kaj samtempe ili fikse rigardadis mirigitaj lian belan filinon.

Kelkaj Italoj de malplia rango eĉ murmuris sufiĉe laŭte por esti aŭdataj de Maria :

« Ecco la bionda maraviglia ! »

Sed sinjoro Van de Werve ordonis al siaj servistoj kun la veturilo urbflanke de la Werf-pordego atendi lin. Tiam li salutante iris al la bordo de la riverego, kie la Portugala faktoria flago krom suprenlevitaj remiloj montris al li lokon, kie la boato de Lopez de Galle estas preta por li.

Sur la tabulon kiu kuŝis kiel ponteto de la ŝtuparo de la kaĵo ĝis sur la boata bordo, malgranda tapiŝo estis ĵetita. Maria, ŝia patro kaj Geronimo enpaŝis la ŝipon ; la ses remiloj subakviĝis sammomente kaj la fortaj brakoj de la Portugalaj maristoj komencis per kuraĝigita forto fendi la akvosupraĵon. Rapida kiel fiŝo, gracia kiel cigno, la boato rapidis antaŭen sur la trankvila Skeldo kaj balanciĝis kaj turniĝis inter la marŝipoj, gis fine gi venis sur la subriveregon kaj havis antaŭ si liberan veturejon. Tiam la maristoj duobligis la forton de siaj brakoj, kvazaŭ ili volis montri al la bela nobelulino sian metian kapablecon. La boata, obeanta la potencon de la remistoj, per ĉiu puŝo de la ses remiloj, saltis kun la antaŭajo kontraŭ la akvo kaj dancetis gracie sur la ondetoj, kiujn ĝi mem formis per sia rapida veturado.

En la gondolo regis plena silento : la maristoj fikse direktadis la vizaĝon kun timema admiro al la ĉarma vizago de la Flandra nobelulino. Maria rigardis malsupren kaj revis, ke la onklo de Geronimo nepre konsentos je ŝia feliĉo. La juna nobelulo estus enprofundiĝinta en pripenso, li ŝvebis inter ĝojo, espero kaj timo. Sinjoro Van de Werve rigardis al la urbo kaj ŝajnis ĝui la belegan vidaĵon, kiun Antwerpen prezentas el la malproksimeco, kiam oni vidas ĝin altigantan — kiel alia Venezio — siajn turojn kaj konstruaĵojn sur la bordo de sia bela riverego.

Baldaŭ la boato turniĝis malantaŭ la Flandra angulo kaj ĉar ĝi — por resti en la refluo — prenis sian vojon proksime de la digo, ĝi glitis kiel sago apud la balanciĝantaj kanoj de la lakvumata bordo.

Esperantigis
OTTO WILCKE.

*El la verko* «SIMON TURCHI» *de H. Conscience.*

# ĈE LA LAMPOLUMO

En la vicaro de la unuformaj laboristdomoj, estis dometo kiu distingiĝas per sia pureco.

Ĝis en la strato estis jetita blanka sablo antaŭ la pordo.

Tri aŭ kvar florpotoj odoris sur la fenestroj malantaŭ neĝblankaj kurtenoj. Sur la kameno tronis imago de la Sankta Virgulino inter du gipsaj papagoj, kies ruĝa, flava kaj verdkolora plumvestaĵo agrable surprizis la okulojn.

La plej malgrandaj iloj : la pladoj kaj kafotasoj ornamis la ŝrankon kaj brilis kvazaŭ ili estus fieraj pri sia pureco. La malkaraj junkaj seĝoj estis senmakulaj ; la blankligna tablo estis lavita, la forno briligita per nigra paŝto.

Same malriĉa kiel la aliaj estis tiu laboristdomo ; la plej brilaj objektoj kostis nur kelkajn centimojn, kaj tamen, tie regis tia ĉarma, paca tono, tia vivĝojo kaj oportuneco, la aero tie estis tiel pura kaj agrabla, ke oni tuj komprenis je la vido de tiu simpla dometo, ke ankaŭ laboristo estas kapabla ami sian hejmon, same kiel riĉulo, kiu estas fiera pri sia palaco.

En la teretaĝa ĉambro de la dometo, virino laboradas apud lampo. Ŝi kudras bluan veston kaj tial ke sur seĝo kuŝas ankoraŭ multaj tiaj vestoj, oni povas supozi, ke ŝi laboradas por magazeno. Ŝi eble havas dudekok aŭ tridek jarojn ; ŝia vestaĵo, el ordinara kotono kaj paliĝinta pro la lavado, estas tre pura kaj eĉ ordigita iom elegante.

Apud ŝi, ĉe la tablo, sidas okjara knabeto kun brunaj haroj kaj grandaj viglaj okuloj. Ankaŭ li kuŝis litero kaj li movigis la lipojn, dum li montris per bastoneto la silabojn kiujn li povis legi.

En angulo, sur paro da lignaj benketoj sidis du malgrandaj filinetoj tri-aŭ-kvarjaraj.

Ili ludas per pupoj, kaj amuza sin silente, kelkfoje parolante pli laŭte por admoni la pupojn, aŭ dolĉe ludante inter si.

Jam dum kelkaj momentoj, la knabo ŝajnas embarasita ; lia bastoneto ne moviĝas plu, li malpacience skuas la kapon.

Kio estas, Bavo ? demandas la virino. « Ĉu vi ne sukcesas, infano mia ? » « Ne panjo, » li diras « La mastro ordonis al mi lerni lecionon, kaj jen vorto tiel malfacila, tiel malfacila ! Mi jam ŝvitas kaj tamen mi ne sukcesas ĝin legi. Provu vi, kara panjo ! » Li alproksimiĝas, donas al ŝi la libron kaj montras la nelegeblan vorton.

Sed la virino, post longa penado, murmuris senkuraĝe : « Mem... memab... memabneg... La restajon mi ne povas legi, Bavo. Ĉu tio estas vortoj por tiel juna infano kiel vi ? Nu, pasigu ĝin kaj demandu morgaŭ al via instruisto. »

La knabeto silente rigardadas la libron. Liaj membroj rigidiĝis,liaj okuloj fiksiĝis kaj li videble amasis ĉiujn siajn spiritfortojn.

« Nun, lasu, infano, » diris la virino, « ne laĉigu neutile vian cerbon ; la vorto estas tro malfacila. »

« Tro malfacila ? » li murmuris. « Mi devas legi ĝin, mi volas.... Ha, patrino, silentu, silentu : vi helpis min, mi sukcesos... Memabneg.... memabnegac.... memabnegacio ! Vidu, vidu, kara panjo, la vorto estas « memabnegacio ! »

La virino ekkriis pro admiro ; ŝi prenis sian fileton en la brakoj kaj kisis lin longtempe sur la frunton.

Tio, kio ŝin tiel kortuŝis, estis la frumatura karakterforto kaj la preskaŭ vira volo kiun ŝi pensis malkovri ĉe sia filo.

Kion ŝi revis dum la karesa kiso ? Ŝi ne sciis, kaj tamen ŝi dankis Dion tutkore.

MARIE KLINGELHOETS, Esperantigis

(El la verko « Bavo kaj Lieveken » *de H. Conscience*).

---

# ANSTATAŬANTO TROVITA !

Sinjoro Christiaans, la bona kuracisto de Elsene estas atakita de ŝtelisto dum malhela vespero. La kuracisto baldaŭ rimarkas ke koncernas nur malfeliĉulo. Efektive, la atakinto Willem Hoofs estis perdinta en ludejo monsumon... monon de lia mastro. La bonkora kuracisto savas la malfeliĉan junulon. Multajn monatojn poste, malĝojego regas en la domo de Sinjoro Christiaans. Lia unuruna filo estas aliĝonta la militistaron de Napoleono kiel soldato. Neeble, eĉ oferante kelkmilojn da francoj, trovi anstataŭanton. Willem Hoofs ekscias tion. Li ne unu momenton ŝanceliĝas. Li fariĝos soldato anstataŭ la filo de la kuracisto.

La servistino eniris kaj diris :

« Kuracisto, Sinjoro troviĝas en la antaŭĉambro kiu nepre deziras paroli kun vi. Li tre rapidis, li certigis, »

Dum momenteto, Sinjoro Christiaans ŝin rigardis senmove kvazaŭ li ne estus komprenintа ŝin. Ŝi ripetis sian anoncitajon.

« Oni lasu min trankvila ! grumblis li. Tiu sinjoro venu je pli konvena tempo : por neniu mi estas hejme ! » Kelkajn minutojn poste la servistino revenis. Dum la kuracisto koleris, aŭdigante senpaciencajn vortojn, ŝi komprenigis lin, ke la sinjoro diris alporti sciigon pri anstataŭonto por lia filo.

Apenaŭ Sinjoro Christiaans tion ekciis aŭ tuj grandplezure li ekkriis : « Theresia, O Theresia, enkonduku lin, tuj, tuj..

« Ĉu miaj okuloj ne konfuziĝas ? » Li mire murmuris, kiam la anoncita vizitanto eniris la ĉambron « Vi, Willem Hoofs, ĉu vi alportas sciigon pri anstataŭonto por mia filo ? »

« Jes, sinjoro kuracisto, » respondis la junulo. « Nur de kelkaj horoj mi hazarde eksciis en kia malplezura cirkonstanco vi estas. »

« Kaj ĉu vi, rememorinte ke iam mi al vi faris bonaĵon, ĉu vi eliris por serĉi anstataŭonton ? Ĉu vi lin trovis ? Kia belo rideto en viaj okuloj. Ĉu la bona Dio vin elektis por efektivigi la liberigon de mia infano ? Ho kia rekompenco tio estus ! »

« Vi korĝoju, sinjoro kuracisto. Estas tiel. Via filo ne fariĝos soldato. Libera viro anstataŭ li al la militado foriros. »

« Ĉu tiu junulo estas senkriplaĵa ? »

« Sen la plej malgranda korpkriplaĵo. Li jam estas ekzamenita de militkuracisto. »

« Kiu estas tiu viro, sendita de la ĉielo ? Kie li loĝas ? »

« Li antaŭ vi troviĝas, kuracisto. »

Sinjoro Christiaans resaltis kelkajn paŝojn, tiom granda estis lia miro kaj nekredemo.

« Vi, vi, Willem Hoofs, ĉu vi iĝus soldato anstataŭ mia filo ? Neeble... ĉu vi redonus la feliĉon kaj la vivon al tuta familio ? »

« Kial ne, sinjoro kuracisto ? »

« Vi havas patrinon ! »

« Efektive, multamatan patrinon. »

« Vi ne povas ŝin forlasi,la leĝo malpermesas al tiuj kiuj estas liberigitaj, kiel unuunura infano, fariĝi soldato sen la skribita gepatra konsento. »

« Mia patrino al mi donis sian konsenton. »

« Kaj ĉu ŝi vin amas ? Kiel tio estas ebla ? »

Willem Hoofs, alpaŝis al la pordo, sin certigante ĉu ĝi estis bone ŝlosita kaj tiam diris per nelaŭta voĉo, tamen iom solene :

« Komprenu, sinjoro kuracisto, kiam mi eksciis vian malfeliĉon kaj malĝojegon, mi rememoris, kiel iam vi, kun pli ol homa boneco donis kvincent frankojn al nekonatulo, kiu, kiel nokta mortiganto, al via brusto sian tranĉilon direktis, kaj kiel vi per la tiama helpo, reaĉetis la honoron kaj la vivon de lia patrino. Tiam Dio mem en mi naskis la ideon, ekkapti tiun unuuran okazon por repagi al vi ne mian sumŝuldon sed mian animŝuldon. Mi bone sciis ke mia patrino estus hezitinta pro timo, sed mi konas ŝian koron. Kio okazis inter ni, sinjoro kuracisto, kio min puŝis al la krimo, tion mi rakontis, nekaŝante ion, kaj mi ŝin vidigis, kian neesprimeblan dankecon ni ŝuldas al la malavarulo kiu, post redono de sanstato per lia arto kaj bonfarado ankaŭ ŝirmis ŝian filon de ĉiamdaŭra malhonoro kaj honto. Ŝi longtempe akre ploris. »

« Ŝi ploris, la malfeliĉa patrino ! »

« Jes ŝi ploris, sed tamen, dum larmoj malsekigis siajn vangojn ŝi ekkriis : Iru, Willem, kontraŭ via bonfarinto faru vian devon; iru, infano mia, mi por vi preĝos, kaj Dio vin protektos ! »

La kuracisto estis cirkaŭprenonta lin sed haltigis sian movon. « Ve, la multnombraj seniluziigoj, kiujn mi jam de tri tago suferas. faras de mi malfidemulo. Willem, ĉu tio ne estas tro rapida decido ? Ĉu vi ne ŝanceliĝos ? Ĉu vere vi klare vidas, kion vi faras ? »

« Ho, tute klare, sinjoro. Se vi rifuzus mian proponon, mi pro tio iĝus vere malfeliĉa. »

« Kaj kiajn kondiĉojn vi postulas ? »

« Neniajn, absolute neniajn. »

« Kion ! Mi eble ne komprenas vin. Dekkvin mil frankojn mi proponis por anstataŭanto. Tiun sumon ankaŭ vi ricevos kaj krome kion mi al vi pruntedonis estos kvitita. »

Malĝoja esprimo malheligis la vizaĝon ce la junulo, dum li nee skuis la kapon.

« Tio eble ne sufiĉas ? murmuretis la kuracisto. Parolu, mi estas preta al la plej granda sinofero. »

« Viaj diroj min dolorigas, » ekĝemis Willem Hoofs.

« Kiajn meritojn havus mia agado en la okuloj de Dio, kaj en la viaj, se mi por tio ricevus monon el viaj manoj ?

Ve, mi vin petegas, ne parolu min pri ia materia rekompenco. Ĉu mi vendus mian vivon pro mono ? Ne, mi redonas ĝin al kiu mi ĝin ŝuldus. Lasu min savi vian filon, lasu min pensi ke mi scias feliĉigi mian bonfarinton. Juĝu min sufiĉe inda por ke vi akceptu mian senpagan oferon, kaj mi al vi estos dankema kvazaŭ por nova bonfaraĵo. »

Tiam la kuracisto ne povis reteni sian ĝojon kaj admiron. Li sin ĵetis ĉe la kolon de l'junulo, lin premante ĉe sian bruston kun larmoj pro konfuziĝo. Li samtempe levis supren siajn okulojn benante Dion, kiu per misterplenaj vojoj al li permesis resanigi malsanan virinon kaj helpi ŝian filon el senespera stato, por tiamaniere al li prepari la neesprimeblan okazantan feliĉon. Post tiu febra ĉirkaŭpremo, li prenis la manon de l'junulo kaj kriis :

« Venu, venu, ni alportu la bonan sciigon al mia filo kaj al mia edzino. Kiom ege ili estos kortuŝitaj pro ĝojo. »

Sed Willem Hoofs, lin haltigante diris : « Sinjoro kuracisto, donu al mi ankoraŭ kelkajn momentojn kaj min aŭskultu pacience. Mi ne postulis kondiĉojn sed tamen mi deziras fari peton. Mia patrino restados tute sola.... »

« Ha, mi jam pensis al via patrino, lin interrompis Sinjoro Christiaans. Vi ne volas monon, sed.... »

« Ŝi ankaŭ tion rifuzos.... almenaŭ se vi ĝin al ŝi prezentos, kiel pagon por mia nuna ago. »

« Si tion rifuzos, » repetis la kuracisto mirigita. «Kiaj personoj do vi estas ? Ŝi estas malriĉa ĉu ne ? Per kio ŝi vivos ? »

« Ŝparante kaj multe noktlaborante, mi kolektis tricent frankojn por repagi mian ŝuldon al vi. Ne, mi petas vin, Sinjoro, lasu min elparoli kaj ne min interrompu ! Tiu sumo, kiun nun mi ne plu kuraĝas prezenti al vi, ŝin garantios dum kelka tempo kontraŭ mizero. Ŝi ankoraŭ scias labori. Mia peto havas alian celon. Mia patrino, baldaŭ tutsola, dum tagoj kaj noktoj al mi pensados. Tiu malplezura soleco maltrankviligas min por ŝi. Kion mi de vi deziras, kaj mi konas sufiĉe vian homamemon por scii ke vi alkonsentos mian peton, estas ke vi, de tempo al tempo, ĉiutage se estas eble, ŝin vizitu, ŝin kuraĝigu kaj al si parolu pri mi ĝis kiam mi revenos. »

« Daŭrigu, daŭrigu, « murmuris la kuracisto kun stranga rideto sur la lipoj, « Ĉu tio estas ĉio ? »

« Certigu min, sinjoro, ke vi prizorgos mian patrinon, kaj se okaze ŝiaj fortoj al ŝi malpermesus gajni ŝian ĉiutagan nutrajon, tiam estu vi ŝia bonfaranta protektanto. Faru al mi tiun promeson kaj mi foriros feliĉe kaj kviete. »

« Ha, ha !» ekkriis, Sinjoro Christiaans. « Ĉu tio estas ĉio kion kuraĝas peti la savinto de lia filo, al la bona kuracisto de Elsene ? Ne via patrino ne estos sola, ŝi ne laboras, ŝi ne pritimos la morton. Do, ĉu inter ni ekzistas batalo de grandanimeco ?

Mi kliniĝas por vi, Willem, mi tion konscias, sed tamen mi volas agi laŭ mia povo. De hodiaŭ, via patrino, ŝi estos familianino; ĉi-tie ŝi loĝos kaj ni ŝin ĉirkaŭos per zorgoj, dankemo kaj amo. Ĉu nun vi estas kontenta ? »

Willem Hoofs ekkaptis la manon de la kuracisto, ĝin portis al siaj lipoj kaj pro konfuziĝo sur ĝin falis larmo.

Sinjoro Christiaans saltis al la pordo.

« Venu nun li diris, vi devas ĝui la feliĉon kiun vi preparis. »

« Mia sekreto, mia sekreto ! » murmuretis la junulo.

« Ne timu; pri tio, neniun vorton. »

Kaj li tiris Willem Hoofs tra koridoro ĝis en la ĉambro kie lia familio ankoraŭ suferadis silenttime.

« Benu Dion ! » ekkriis li. « Bernardo estas savita. Li ne fariĝos soldato : ĉi-tie estas lia anstataŭanto.

Ne dubu, la malfeliĉego forkuris de ni ; anstataŭ ploradi pri via foriro, Bernardo, ni baldaŭ festos vian feliĉan edziĝon.» Kvankam krioj pro nepreskribebla ĝojo salutis ĉi-tiun sciigon kaj ĉies vizaĝo estis heligita per la plej milda esperlumo, ili rigardis kun miro la bonguste vestitan junulon kiu al ili ŝajnis kvazaŭ ne apartenanta al tiu speco de homoj kiuj estas kapablaj vendi sin mem.

« Ni komprenas vian miron, infanoj miaj.» klarigis la kuracisto. « Sinjoro Willem Hoofs ne estas ordinara anstataŭanto. Mi iam al lia patrino redonis la sanstaton kaj faris iam bonajon al ŝi kaj al li. Nur pro dankemo li vin anstataŭas, Bernardo. Li eĉ ne deziras monan rekompencon. Benu lin por lia grandanimeco kaj lia nees timebla bonfarajo. »

Bernardo sin ĵetis ĉe la kolon kaj lin kisis ekscese. Li nomis lin sia savanto, sia bonfaranto, sia frato kaj lin premis multfoje ĉe sian dankeman koron.

Veronica kaj sekve ĉiuj aliaj partoprenis en la ĉirpremado. Dankesprimoj estis sendataj al la ĉielo, larmoj fluadis pro feliĉo. La edzino Christiaans ploregis pro konfuziĝo. Catharina dancis pro ĝojo.

« Aŭskultu, infanoj miaj. » meditis fine la kuracisto. Nia dankemo ne povas esti esprimata nur per vortoj. Kvankam la bona Willem Hoofs rifuzas ĉian rekompencon, tamen estas al ni eble pagi al li malgrandan parton de nia ŝuldo. Li havas maljunan patrinon, virta kaj grandkora virino. Kio nun lin doloriĝas, estas

ke lia patrino nun restados sola kaj eble ekvelkos dum sia nekonsolebla soleco. Mi al li promesis ke lia patrino ĉi tie loĝos kun ni kaj ke ni ŝin amos kiel familianinon. »

« Jes, jes tio estas bona. » ĝojadis ĉiuj. « Ni inter ni klopodos por igi ŝian vivon dolĉa. »

« Ŝi estos por mi fratino. » diris la edzino Christiaans.

« Mi ŝin amos kiel duan patrinon. » aldonis Catharina.

« O lasu ŝin loĝi kune kun ni en la bela bieno ĉe Boendaele ! » ekkriis Veronica.

« Ne, tion ne. » plibonigis la kuracisto. « Ŝi bezonas samaĝan kunulinon. Mia bona edzino kun ŝi babilos, promenos, neniam ŝin forlasos kaj ŝin protektos kontraŭ la plej malgranda ĉagreno. Plie, orientflanke, kun vidajo sur la gardenon, troviĝas nia plej bela kaj plej bonaerumita ĉambro. Tie dormos la patrino de nia savinto. Ŝi estu de ni, pli ankoraŭ ol iu membro de nia familio, amata kaj honorata ! »

Willem Hoofs meze de l' ĉambro ploris pro emocio kaj kontenteco. Kiel ? Li opiniis nur plenumi devon... kaj ĉu lia ago superesperinde beligus kaj dolĉigus la tagojn de sia patrino ?

Tamen li baldaŭ retenis siajn larmojn kaj diris :

« Mi devas ankoraŭ eliri por havigi al mi paperajojn kiuj kuŝas en la urbdomo. Restu vi ĉiuj konvinkitaj ke morgaŭ, en la reinspektejo, je la anoncita horo, mi min prezentos kiel anstataŭanto de Bernard Christiaans.

Do, ĝis morgaŭ, sinjoro kuracisto. » Dum la salutado ĉiuj ankoraŭ aldonis siajn dankesprimojn.

« Ve, vi tiom altvalorigas mian oferon.» Li respondis. «La plej feliĉa el ni ĉiuj estas mi. »

La edzino Christiaans, kriis al li :

« Sinjoro Willem, diru al via bona patrino ke baldaŭ mi venos ĉe ŝin kaj ŝin forkondukos per la veturilo de la kuracisto. Ŝi pasigos ĉi tiun vesperon apud ni kaj do konatiĝos kun siaj novaj geamikoj kaj nova loĝejo ».

« Dankon, dankon, ĝis morgaŭ », murmuretis ankoraŭ la emociita junulo, dum li plimalproksimiĝis en la koridoro. La sekvantan tagon li aperis antaŭ la inspektantaro, estis akceptitita kaj foriris al la soldataro. Li multajn jarojn utilis al la patrujo, iĝis oficiro kaj eĉ obtenis sur la militkampo, pro sia kuraĝego, la honorkrucon.

El la verko «La Du Amikoj.»

Esperantigis
EUGENIE COLYN.

# LA ŜIPETO

*Unuakta Dramo*

ORIGINALE VERKIS EN HOLANDA LINGVO

**J. DEVOS**

ESPERANTIGIS

**Alfons VAN DE VELDE**

*(Daŭrigo)*

GEERT. — Kara Majstro.

SCHOLTEN. — El Hago, mi tamen eksciis ke ili estis en Melbourne kaj tie prenis ŝarĝon por Hinujo. Estas dum tiu vojaĝo ke ili ŝippereis, ĉar la nomplato de la « ADRIANA » estis jetita sur marbordon ĉe Formosa,—Do, tion, mi jam eksciis. —Eble oni trovis ankaŭ kestojn, kaj tiuj kestoj povas enhavi skribaĵojn, kiuj por Elsje povas esti tre gravaj, por la estonteco. Nu, mi intencas fari ĉion kio estas farebla, kaj tiamaniere mi donas iom da laboro al la oficistoj en Hago.

GEERT. — Kiel multe ni dankas al vi, Majstro !

SCHOLTEN. — Nu, kiam Gys venas, diru ke mi atendas lin, je tagmezo.

GEERT. — Bone Majstro.... Ankoraŭ taseton ?

SCHOLTEN. — Jes, mi akceptas duonon.

GEERT. — Elsje atentu pri la butiko; mi vidos ĉu Gys estas hejme. (*Elsje verŝas la kafon. — Geert foriras tra mezpordo.*)

## SCENO SESA

ELSJE. — SCHOLTEN.

SCHOLTEN. — Elsje, vi ŝajnas al mi tiel malĝoja, ĉu io okazis?

ELSJE. — Ne Majstro, sed mi hodiaŭ estas iom malgaja, kaj tio estas ĉar mi pripensis, kion mi fariĝus, se patrino mortus !

SCHOLTEN. — Nu, knabino, forpelu tiajn ideojn, por tio vi estas multe tro juna.

ELSJE. — Ho Majstro, mi tiom timas, ke la homoj min malestimos kiam ili la veron scios. Ĉu ili kredos min kiel patrino kaj vi ?

SCHOLTEN. — Pri tio mi vin respondos, demandante al vi ion : Ĉu vi iomete ŝatas Gys ?

ELSJE. — Majstro.

SCHOLTEN. — Jes infano ; mi ne demandas tion por ofendi vin, kaj la memoron de Barend, sed tial ke mia simpatio por Gys... la timo ke li ian tagon eble vin demandos kiel edzinon,

donis al mi tiun ideon. Diru al mi ĉu Gys eble jam parolis pri tio ?

ELSJE. — Ne Majstro, kaj mi...

SCHOLTEN. — Se tio okazus, kaj mi antaŭsentas tion, diru al li ke li unue venu ĉe min antaŭ ol vi donas respondon.

ELSJE. — Kial Majstro ?

SCHOLTEN. — Por rakonti al li historion, kiu jam de longe okazis, okazintaĵo tiel vera, ke mi neniam ĝin forgesis kaj kiu estas kaŭzo ke mi vin kredis kaj ĉiam kredos. Vi ne plu remomoros tion, tial ke vi nur estis tiel granda. Estis ankoraŭ en Scheveningen kaj la lernantoj de la klaso, en kiu vi estis, ĉiam ĝojis mokante la instruiston. Ho jes ! mi ofte suferais... Sabate, kiam la klaso finiĝis, preskaŭ ĉiam estis fiksita papera pupo ĉe mia jako, kaj tio multe amuzis ilin. Ian tagon, kiam tio reokazis mi realvokis vin ĉiujn kaj residigis vin sur la benkojn. Mi minacis vin ĉiujn per restado en la lernejo, mi vin demandis laŭvice : Ĉu vi faris tion ?... Vi ?... Vi ?.. Mi ankaŭ demandis vin. Ĉiuj diris : « Ne »... Ĉu eble iu vidis kiu ĝin faris ? Mi demandis vin denove laŭvice. Neniu ĝin vidis. Mi al vi parolis kaj diris : Elsje ĉu vi eble vidis kiu tion faris ? » Vi tiam stariĝis, rigardis min per viaj nigraj okuloj kaj respondis : Jes Majstro, mi vidis kiu ĝin faris, Tio poste ne plu okazis, sed mi tiam sciis ankaŭ, ke vi ne povus mensogi, kaj tial mi ankoraŭ vin kredas nun. (*premas ŝian manon*).

ELSJE. — Majstro !

SCHOLTEN. — Ĉiam amu la veron, infano, ekbrilos ankoraŭ suneto por vi. (*Geert eniras*).

## SCENO SEPA.

*La antaŭaj*. — GEERT.

GEERT. — Majstro, Gys ne ankoraŭ revenis hejmen, li iris al marbordo, sed kiam li revenos, oni tuj sendos lin.

SCHOLTEN. — Mi dankas vin sinjorino Barendse.

ELSJE. — Ankoraŭ taseton, Majstro ?

SCHOLTEN. — Mi dankas vin Elsje ! Mi dankas vin ! Mi foriras. Kisu la knabinon por mi. Bonan tagon... (*malfermante la mezpordon sed sin turnante*) Jes, mi ankoraŭ forgesis la celon de mia vizito... Elsje, mia edzino demandis, ĉu vi eble iom povus helpi ŝin. Ĉu vi havas tempon, aŭ ĉu la retoj unue devas esti finitaj.

ELSJE. — Tion vi bone scias, Majstro. Por vi mi ĉiam trovas tempon. Kiam mi devas veni ?

SCHOLTEN. — Kiel eble plej rapide. Tryntje estas malsana kaj estas Merkredo.

ELSJE. — Mi tuj venos, Majstro.

SCHOLTEN. — Do, ĝis baldaŭ (*foriras tra la mezpordo... al Geert*) Restu ! Restu ! mi bone trovos....

GEERT. — Venu infano, antaŭen. Majstro antaŭ ĉio.

ELSJE. — Jes patrino, Mi unue devas ekrigardi mian infaneton. (*iras en la ĉambron, maldekstre*).

GEERT. — Kiel ŝi estas zorgema, kaj kial ŝi timas ke patrino ne bone priatentos ŝin. Ŝi estas tiel ĉarma, kvazaŭ Elsje kiam ŝi estis infaneto.

ELSJE. (*revenas kaj ĵetas mankisojn en la ĉambron maldekstre*). — Adiaŭ, knabino, restu tiel kuŝanta, Panjo tuj revenos. Bonan tagon patrino. Ĉu vi bone aŭskultos?

GEERT. — Ne timu... Bonan tagon, infano!

## SCENO OKA.

GEERT (*sola*).

GEERT. — Jen, ŝi forgesis ankoraŭ formeti la kafservilaron. (*eltrinkas sian taseton kaj metas ĝin sur la tableton, en la fundo maldekstre*).... ŝi povas lavi. — (*irante al la ŝranketo kaj malfermante la tirkeston*)... kia miksaĵo. Elsje certe denove serĉadis... ĉiuj paperaroj kaj leteroj estas malordigitaj... (*venas antaŭscenejon kun paperoj kaj leteroj, kaj eksidas ĉe la tablo*).... Tio, estas mia edziĝakto.... Tio estas la diplomo de Jaap kiel dua oficiro por la grandaj vojaĝoj, kaj jen la akto de Barend kiel tria oficiro.... Kiel la junulo klopodis... (*prenante paketon da leteroj kiu estas ŝnurligita*).. Tio estas ankoraŭ letero de Jaap kiam ni amindumis... (*prenante aliajn leterojn*)... Tiuj estas ankaŭ jam malnovaj.. (*ekvidante en letero*).... Jen estas ankoraŭ letero de ŝipestro Boon al Barend. (*legante*)

« Juna Amiko,

« Direktilisto Barendse min promesis ke vi certe kuniros.
» Neniun mi pli ŝatus ol vin kiel 3an direktiliston.
» Tuj respondu al mi ĉu vi akceptas.
» Mi foriras je la dekkvina de ĉi tiu monato.
» Sincere via

Kapitano Boon »

Li estimis lin.... Mi ĝin metos kun lia diplomo. (*oni aŭdas la sonorilon kaj Hannes krianta* :

Estas mi !)

## SCENO NAŬA

GEERT — HANNES

Hannes kun flavruĝa barbo, oraj orelringoj. Li estas vestita kiel maristo. — Aspekto malagrabla. – Sur la maldekstra mano li havas grandan nigran plastron. — En la mano li tenas ruĝan poŝtukon en kiu estas envolvita botelo senkola).

HANNES. — Bonan tagon, sinjorino Barendse.

GEERT. — Bonan tagon Hannes !

HANNES. — Ĉu via filino estas for?

GEERT. — Jes, ŝi estas ĉe Sinjorino Scholten. — Tryntje Blom malsaniĝis, kaj ŝi nun iomete helpas la Sinjorinon.

HANNES. – Vere! Donu al mi glaseton da brando mi petas, se mi nur povas trinki ĝin tie ĉi.

GEERT. — Certe! Kial ne? (*iras al la butiketo*).

HANNES. — Feliĉe, ŝi estas sola. — La kriemulino certe dormas; mi tute ne ŝatas tiujn infanaĉojn. — Se ŝi nur respondas « Jes ». Mi sendos tiun hipokritan Els kun ŝia neleĝa infano al la diablo. Hm! jen ŝi estas.

GEERT. — (*kun glaseto da brando*) Jen Hannes. Ĉu mi devas enskribi?

HANNES. — Atendu nur, mi eble ŝatos ankoraŭ alian.

GEERT. — Se vi volas. — (*rimarkas la plastron sur lia mano*).. ĉu vi vundis vin?

HANNES. (*indiferente*) — Jes, hieraŭ, hakinte lignon. Estas preskaŭ nenio. — (*trinkas*) Vere ĝi estas bonega. — Kie vi provizas vin?

GEERT. — Mi ricevas ĝin el Leiden. Majstro Scholten donis la adreson.

HANNES. — Tiu babilema Majstro sin okupas pri ĉio.

GEERT. — Tion vi ne rajtas diri Hannes. Mi tamen multege ŝuldas al li.

HANNES. — Ke li sin okupu pri siaj propraj aferoj. Li tamen havas edzinon kaj multe da infanoj, ke li sin okupu pri ili. Li ne estas vidvo aŭ fraŭlo.

GEERT. — Kion vi volas diri?

HANNES. — Nu, ke plibone decus prizorgigi viajn aferojn de persono kiel mi, anstataŭ de tiu eluzita instruistaĉo.

GEERT. — Nu, Hannes. ĉu vi kredas tion Vi tamen neniam ŝajnis kompatema pri ni.

HANNES. – Tial ke mi nenion povis fordoni.

GEERT. — La helpo de Majstro Scholten ankaŭ ne konsistis nur en mono, sed nun, ni tamen dankas al li, ke ni havas ĉiutagan panon.

HANNES. — Do, la aferoj marŝas bone.

GEERT. — Jes. Dank 'al Dio.

HANNES (*malplenigas sian glason*). — Donu al mi alian. Mi tute ne ŝatas lin. Oni pli multe estimas lin tie ĉi ol la pastron aŭ la domenon. Hm !?!

GEERT. -- (*revenante kun plena glaseto*) Jen, Hannes!

HANNES! Nu, mi opinias ke, se la du ĉambroj estus kunigitaj, vi havus tie ĉi, belegan trinkejon. Ne estas multaj tie ĉi bone aranĝitaj por nia viroj. Estas ĉie malaerumita kaj tie ĉi vi havas spacon.

GEERT. — Dankon Hannes! Dum mia tuta vivo, ne trinkejon, kaj certe ne por la fiŝkaptistaro. (*Geert sidas sur seĝo dekstre, Hannes sur benko maldekstre.*)

HANNES. — Ĉu vi timas pro via filino!

GEERT. — Tute ne, ŝi estas tro honesta. Sed kiam mi povas perlabori mian panon, mi ne volas trinkejon, kaj alie ankaŭ ne.

HANNES. — Hm!! (*trinkas*) Nu, mi celis ... (*trinkas*) se vi ŝatas... mi volis helpi vin... Se vi ĝin aprobas (trinkas)... kaj poste ni povus interkonsenti.

GEERT. — Kion vi diras?

HANNES. — Nu, vi ankoraŭ estas be'eta virino.. multe tro juna por ne edziniĝi ree...., kaj se ni povus interkonsenti... ĉar... ke via filino... havas infanon, tio estas indiferenta al mi. Nu, via edzo por ĉiam estas ĉe la ŝarkoj (*ekstaras*)... Diru, kion vi pensas pri tio. (*Volas iri al ŝi*).

GEERT. — (*ekstaris kaj ŝajnas tre emociita*) — Restu tie, Hannes.... Do, vi venis tie ĉi por esprimi, dum trinkado de glaseto, vian amon, kaj proponi al mi ekspluati kun vi trinkejon. Diru, kiel vi do konsideras min! Ĉu vi pensas ke mi estas kiel aliaj maristedzinoj kaj forgesus mian devon eĉ al la mortinto?

Kion vi pensas pri mi? — Atentu! — Mi estas maristedzino, kaj nenion timas – (*alproksimiĝante dum li malalproksimiĝas*). Mi ankoraŭ havas du fortikajn manojn kaj konas min sufiĉe forta por forpeli vin el mia domo — (*Hannes volas foriri*. — Restu, mi vin diras, mi ankoraŭ devas diri al vi pli multon. Ĉu vi kredas devigi min por fari malnoblaĵon, dirante al mi tion kion vi eble eksciis perfide, ke mia filino havas infanon. Ĉu vi pensas timigi min per tio? Rakontu la veron en la tuta vilaĝo, tiam mi nur diras kiu vi estas... Mi nenion timas kaj certe ne la kalumnion de iu... de iu kiel vi!

HANNES. — Mi ne esploris pri tiu infano. Kiam vi alvenis tie ĉi, mi ne konis vin. Ian tagon mi trinkis glaseton, la jena pordo estis malfermita kaj mi vidis Elsje mamnutrante-infanon. La sekvantan tagon mi devis foriri .. Mi ne plu pensis pri tio... sed kiam mi devis alporti tiun ŝipeton — (*li montras la ŝipeton*) — al via filino, kaj eksciis kiu vi estis, mi pli ofte venis tien ĉi. Mi tiam kredis tion, kion vi kredigis al mi; poste denove revenis en mian memoron, sed mi silentis por...

GEERT. — Por ke ian tagon vi povu profiti per tio, ĉu ne? Sed vi ne sukcesis, ekspluatu, rakontu ĉion,... ĉie. Mi scias kion mi devas fari... Foriru nun. . foriru!

HANNES. — Antaŭe mi devas ion diri. Vi eble pensas kiel tiu malbenita instruisto, ke via edzo iam revenos. Mi nur volas diri, ke tiu espero esta vana. Hieraŭ ŝipeto ekkaptis botelon en kiu oni trovis la jenan leteron — (*prenas el malnova poŝlibreto paperon*) — Jen ĝi estas... (*legas*) « ADRIANA » subakviĝas. Adiaŭ. Ŝipestro Boon ».

Mi alportos la paperon ĉe la urbestron.

GEERT. — Montru. (*prenas la leteretou, rigardas ĝin dum ŝi staras kun la dorso kontraŭ li, kaj komparas ĝin kun la letero de ŝipestro Boon al Barend, kiu ankoraŭ kun la aliaj leteroj kuŝas sur la tablo*).

Do, vi trovis tiun leteron en botelo?

HANNES. — Jes.

GEERT. — Mi diras ke vi mensogas.

HANNES. — Kial? Ĉar oni tie ĉi rakontas ke mi estas mensogulo? Jen la botelo — (*li deligas la poŝtukon*) Ĉu vi kredas nun?

GEERT. — Mi diras ke vi mensogas, mizerulo!

HANNES. — Nu, redonu, se vi ne kredas

GEERT. — Ne!

HANNES. — Redonu, mi vin diras!

GEERT. — Ne

(*Hannes per forte volas repreni la leteron. — Geert defendas sin. — Scholten eniras kaj ĵetas Hannes flanken.*)

## SCENO DEKA

GEERT, HANNES, SCHOLTEN.

SCHOLTEN. — Kio do okazas tie ĉi? Kion vi faras Hannes? Sinjorino Barendse kio estis?

GEERT (*tre ekscitita*). — Majstro, mi diros tion al vi.

SCHOLTEN. — Kvietiĝu, Sinjorino Barendse, kvietiĝu. — Ĉu vi volas ion trinki?

GEERT. — Mi dankas, Majstro, mi dankas vin. — Mi rakontos tion al vi. Hannes venis tien ĉi por peti pri edziĝo. (*malestime*) Hannes! Li havis belan proponon, li volis ke mi starigu trinkejon kun li. Li scias ke Elsje havas infanon, kaj per tio li volis min devigi. Mi aŭskultas lin, mi volis ĵeti lin eksteren kaj, (*minacante*) ankoraŭ nun mi kuraĝus fari tion

SCHOLTEN — Kvietiĝu, kvietiĝu!

GEERT. — Kaj por plenigi lian heroaĵon, li montras al mi falsan bileton, prenitan el tiu botelo, kaj rakontas ke ŝipo ĝin eltiris el la akvo. Jen ĝi estas, li volis ĝin forpreni.

SCHOLTEN (*legas*) — « Ŝipo « ADRIANA » subakviĝas, Adiaŭ. Ŝipestro Boon ».

GEERT (*donas la leteron, kuŝintan sur la tablo*). — Jen la skribo de la ŝipestro; ĉi tio estas skribita de alia.

HANNES (*faras signon per la maldekstra mano*). — Nu, redonu, se vi ne kredas tion. Mi devas porti ĝin ce la urbestr n.

SCHOLTEN (*rimarkas la plastron sur lia mano*). — Iom da pacienco nur. Kiel vi ricevis tiun vundon?

HANNES. (*time*) Hodiaŭ matene, hakante lignon.

(*Daŭrigota*).

## ◆◆ HOTELO GANDA 

KAFEJO - RESTORACIO

Brabantdam, 17 - 19 - 21, Vlaanderenstraat, 48, GENT

TELEFONO 1050

Plej novaj instalaĵoj unuarangaj.

TRE KOMFORTAJ ĈAMBROJ DE FR. 3.00

Tagmanĝoj kaj vespermanĝoj je fiksaj prezoj kaj je la karto.

Pensiono. — Prizorgita kuirejo.

Posedanto **G. STENGER** 31

---

**HORLOĜOJ — ĴUVELOJ**

# LOUIS BOON

**Groenplaats, 17. — Antwerpen**

Treege Rekomendita Firmo 27

---

# "CONSTANTIA"

ASEKUROJ PRI LA VIVO

— KAJ PRI FORMADO DE KAPITALOJ

*Anonimaj Societoj sub la Ŝtatkontrolo en Francujo.*

SIDEJO :

**Maria-Theresialei, 1 & 3, ANTWERPEN**

SPECIALA SIDEJO :

**Place Sébastopol, 27, LILLE (Francujo)**

Asekuroi pri la vivo kaj ŝpartitoloi kun garantiita trimonataj repagoj, je semajn — kaj monatpagoj.

AGENTOJ RICEVAS TRE FAVORAJN KONDIĈOJN